# juna amiko

# INTERNACIA LERNEJA ESPERANTO-REVUO

## ludoj

ROL-LUDO: LA FERIADO

paĝoj 5, 14, 23







TABUL-LUDO: KONKERU LA ESPERANTAN MONDON

paĝoj 12 kaj 13









Nemzetközi eszperantó diáklap. Megjelenik évente négyszer.

Ára: 10 ft.: 87/3 szám
XIV évfolyam
Felelős szerk.:
Schiller Judit

Kiadja a Magyar Eszperantó Szövetség, Szentháromság tér 1-3. H-1014 Budapest.
Felelős kiadó:
Princz Oszkár

Készült a MESZ Sokszorosítóban
hearota 87-0068
Kiad. eng. szám:
III/IFJ/30/1976
ISSN 0230-1318.

JUNA AMIKO, revuo por lernejanoj kaj komencantoj.

Aperas kvarfoje jare: februare, aprile, septembre kaj novembre.

REDAKTORO kaj grafiko: Stefan MacGill.

ADRESO de la redakcio: pf. 193, H-1368 Budapest, Hungario.

*KIU MENDAS*
JUNA AMIKO
*TRA LA POŜTO*
*EN SOCLANDOJ*
*JAM SEPTEMBRE*
*DEVAS MENDI*
*POR 1988! EK!*

Du ludojn ni proponas en ĉi tiu numero! Ni ricevis el Sovet-Unio, Germana DR kaj Hungario laŭdojn pro la tabula ludo en nia numero 87/1. Do, vi ricevas novan ludon en la mezaj paĝoj; ni invitas vin konkeri la Esperantan mondon. Vi devos multon scii por sukcesi – pri la kongresoj, gazetoj, centroj, renkontiĝoj kaj servoj de nia Movado. Se vi ne ĉion scias, unu loko trovi la respondojn estas la *Jarlibro* de Universala Esperanto-Asocio. Demandu vian instruiston ĉu tio estas havebla ĉe vi.

La dua ludo estas iom pli komplika! Via instruisto povos helpi vin organizi ĝin. Vi devas aktori! Ni donas la scenon – vojaĝagentejo en Amsterdamo. Ni donas tri rolojn sur tri apartaj paĝoj. Petu vian gvidanton legi la instrukciojn sur paĝo 14. Estu tre kuraĝaj kaj inventemaj, kaj vi ĝuos la ludon!

*Juna amiko* fakte iom forgesis niajn pli junajn amikojn en la lastaj numeroj. Unue, ĉar estus erare subtaksi la kapablojn de etuloj. Lastatempe en Budapeŝto mi havis la plezuron gvidi grupon de dek denaskaj esperantistoj – imagu – inter 3- kaj 13-jaraĝaj, kiuj bonege sukcesis ĉe rol-ludado. Tamen, ĉiu devas komenci iam, do por niaj etuloj-komencantoj, ni komencos ĉi-foje per ĉarma poemo-kanto pri aĵoj en ujoj: *En io.*

Redaktoro. Foro.
Salutas redaktoro!
Jes, redaktoro!
Redaktoro salutas en la foro!

Stefan MacGill

| ABONOJ | ĉe UEA | ĉe FEL | Britio | Hungario |
|---|---|---|---|---|
| unuopa | 8,40 gld. | 130 BEF | £2,80 | 40 ft. |
| ekde 8 ekz. | 7,00 gld. | 110 BEF | £2,30 | 36 ft. |
| ekde 30 ekz. | 6,00 gld. | 100 BEF | £2,00 | 34 ft. |

# EN IO

*Blazio Vaha*



Homo!
Domo!
Sidas **homo!**
Jes, **homo!**
**Homo** sidas
en **domo.**



Lupo.
Tubo.
Sidas **lupo!**
Jes, **lupo!**
**Lupo** sidas
en **tubo.**



Muso.
Buso.
Sidas **muso!**
Jes, **muso!**
**Muso** sidas
en **buso.**






Korvo.
Korbo.
Sidas **korvo!**
Jes, **korvo!**
**Korvo** sidas
en **korbo!**



**Blato!**
Vato.
Sidas **blato!**
Jes, **blato!**
**Blato** sidas
en **vato.**

Bestoj.
Kestoj.
Sidas bestoj!
Jcs, bestoj!
Bestoj sidas
en kestoj!

## NUN KANTU!

Ho-mo! Domo! Sidas homo! Jes, homo! Homo sidas en do-mo.

## NUN RESPONDU!

1. En kio sidas homo?
2. En kio sidas lupo?
3. En kio sidas muso?
4. En kio sidas korvo?
5. En kio sidas blato?
6. En kio sidas bestoj?
7. Do, en kio sidas homo?

desegnis Borovszki Csilla

Kie troviĝas niaj legantoj? Kie vi supozas? Faru liston. En kiu lando estas la plej granda nombro? En kiu la dua, la tria ktp. Kiom da legantoj estas entute, kaj en kiom da landoj? Vi trovos la respondojn sur paĝo 22.

# ROL-LUDO POR TRI PERSONOJ

*La rol-ludo okazas en vojaĝ-oficejo. Estas tri roluloj, A, B kaj C. La instrukcioj por rolulo A troviĝas sube, por rolulo B sur paĝo 14 (kune kun notoj por la gvidanto), kaj por rolulo C sur paĝo 23. Bone amuziĝu!*




**ROLO A: FERIONTO**

Vi decidis iri por feria vojaĝo kun via amiko. Vi tute ne decidis kien iri ĝis nun, vi planis renkonti lin/ŝin ekster vojaĝ-oficejo kaj eniri por demandi pri vojaĝoj, kaj laŭ tio decidi kien iri. Vi estas aktiva sportisto, vi volas feriojn kun aventuro kaj risko — mont-grimpado, akvo-skiado, kavern-esplorado, ĉeval-rajdado aŭ kanotado en sovaĝa akvo aŭ simile. Vi volas ferii dum almenaŭ unu semajno, prefere du. Vi havas 300 guldenojn por antaŭ-pagi la feriadon, sed vi povus prunti 100 guldenojn, eble eĉ 200 guldenojn de amiko, se necese. Vi tion farus, nur se vi tre kontentas pri la kvalito de la feria aranĝo.

# ANTAŬEN AL LA LABORO!



Hieraŭ mi promenis laŭ la strato. Mi vidis strangan situacion. Mi vidis kvar laboristojn, kaj ili estis laborantaj. Nu, tio estas iom stranga, sed ne tiom. Tamen, ili estis ĉiuj laborantaj samtempe. Tio ja estas stranga. Sed mi rimarkis ion eĉ pli strangan!

La unua laboristo laboris tre forte. Li uzis borilon kaj li detruadis la surfacon de la strato – li boris la asfalton. Kvin metrojn malantaŭ li laboris la dua laboristo, ankaŭ forte. Li ne uzis borilon, li uzis fosilon. Li fosis longan truon – tranĉeon – laŭ la strato. Li progresis iom malrapide – cent metrojn ĉiuhore. Li elfosis la teron el la tranĉeo kaj ĵetis ĝin supren kaj flanken de ĝi. Dek metrojn malantaŭ li laboris la tria




laboristo, ankaŭ forte. Li ne uzis fosilon, sed ŝovelilon. Li uzis ĝin por ŝoveli la teron, kiu kuŝis apud la tranĉeo – en la tranĉeon denove! La dua kaj la tria laboristoj faris la inversan laboron! Kvin metrojn malantaŭ la tria laboristo, laboris la kvara, ankaŭ forte. Tiu platigadis la surfacon de la strato kaj verŝis varman asfalton sur la vojon por rebonigi ĝin.

*Ni uzas la finaĵon -N por indiki moviĝon al: plej ofte* al sur *kaj* al en.



Li ĵetis la teron SUPREN
= al la supra direkto



Li ĵetis la teron FLANKEN
= al la flanko



Li ŝovelis la teron EN LA TRANĈEON
= al en la tranĉeo



Ĉiu rigardis ANTAŬEN
= al la antaŭa direkto



Li verŝis la varman asfalton SUR LA STRATON = al sur la strato.



Li devas meti la tubojn EN LA TRANĈEON = al en la tranĉeo

Tiel la kvar laboristoj progresis malrapide laŭ la strato – cent metrojn ĉiu-hore. La unua boris, la dua fosis por malfermi tranĉeon, la tria ŝovelis por refermi la tranĉeon kaj la kvara remetis la asfalton. Neniu rigardis malantaŭen – ĉiu rigardis antaŭen kaj laboradis forte.

"Strange," mi pensis, "Tiu laboro ne havas sencon!" Do, mi demandis la lastan laboriston, kial ili tiel laboras.

Li rigardis supren: "Nu, jes," li konfesis, "Estis iom strange. Vidu, kutime ni estas kvin, sed tiu, kiu devas meti la tubojn en la tranĉeon, hodiaŭ malsanas!"

Stefan MacGill

# KANTU!

## GRATULA KANTO

Melodio kaj teksto:

Franz-Georg Rössler




1. Gra-tu-lon, al vi a—mi—ko, gratulas vin a-mi-ka ar', gra-

2. Es—pe-ro kaj Espe—ran-to kun-ligu nin en ni-a rond', es-




tu-lon, al vi a-mi-ko, kaj nun kaj en ve-non-ta jar'. Al vi nur

pe-ro kaj Es-pe-ranto reg-adu ĉi—e en la mond'. En ni-a

FINO




bon-on, su-fiĉan mo-non deziras ni, karul' al vi, la korajn

( ho jes )

ron-do, en ni-a mon-do kre-iĝu daŭra simpa—ti', en ni-a




sentojn, la fest-e—ventojn subte-nu ni—a me—lo—di'!

ron-do, en ni-a mon-do, estu nur ko-ra har-mo—ni'!

D.C. al FINO

## Musa rakonto

Laŭ tradicia infana poemo, kato iris al Londono por viziti la reĝinon de Britio. Sed nuntempe ne nur la kato vizitas Londonon! Musoj ankaŭ vizitas la ĉefurbon de Britio! Ĝis nun oni vidis ilin en Palaco Buckingham (la reĝa palaco), la parlamentejo, la borso kaj aliaj bone konataj lokoj. Fakte, estas kvaroble pli da musoj ol da londonanoj.

Ŝajnas, ke la musoj estas nehaltigeblaj. Ili povas grimpi brikajn murojn, balanci sur kabloj kaj dratoj kaj ili uzas la tubojn de la centra varmigado kiel iaj aŭto-vojoj por musoj. Londonaj musoj estas tre elektemaj pri manĝaĵoj. Fromaĝo ne plu estas sufiĉe bongusta por ili. Ili preferas ĉokoladon kun fruktoj kaj nuksoj!




# bestetoj prosperas bestegoj suferas

de
Paul Hewitt,
Britio

## Mortigitaj kanguruoj




Tragika novaĵo atingis nin el Aŭstralio. Ŝajnas, ke la simbolo de tiu lando, la kanguruo, nun estas sub minaco. Kvankam la nombro de kanguruoj ĉiam estis limigita per pafado, la situacio nuntempe multe pli malboniĝas. Tro multe da ĉasistoj havas permesilojn por mortpafi la bestojn kaj tro multe da kanguruoj mortas nuntempe.

Aŭstralianoj forte protestas pri la sorto de la kanguruoj. Tio embarasas la registaron ĉar ĝi respondecas certigi sekuran estontecon por la kanguruoj.

tradicia: malnov-stila
borso: financa centro
balanci: stari sur mallarĝa objekto
kablo, drato: metala ŝnurego
sub minaco: en danĝero
protestas: esprimas malkontenton
embarasas: metas en malbonan situacion

# TOMBEJAJ TRAVIVAĴOJ



Kiam mi estis infano mi ofte iris en la tombejon de mia vilaĝo. Mia tasko dum la someroj estis flegi la tombojn de mortintaj familianoj, precipe akvumi la florojn kaj arbustojn tie kreskantajn. Kelkfoje mi plendetis pro la ĉiutaga iro vilaĝ-randen, sed ĝenerale mi volonte restadis inter la tombejaj muroj en trankvila parko-simila areo por treni la pezajn akvumilojn kaj tramediti la ne malpli pezajn eventojn en la lernejo kaj la familio.

Meze de la tombejo ĉielen etendiĝis arbego produktanta ruĝajn fruktojn ege gluemajn. Tiam mi fakte intencis rikolti ilin kaj uzi la densan sukon kiel gluilon. Bedaŭrinde la gluaĵo ne tiel bone kunligis paperon kaj lignon, sed preferis miajn montro-fingron kaj dik-fingron. Do, mi devis rezigni pri mia plano fariĝi gluil-industriisto.

Dimanĉe, la tuta familio kutime promenadis al kaj tra la tombejo. En certa loko estis skulptaĵo montranta skeleton kun profundaj okul-truoj en la kranio. Tien mia ŝercema patro metis po unu ŝtoneton. Ho, kiel ĉirkaŭ rigardis, grimacis, okulumis la antaŭe timiga osto-homo! Mia fratino kaj mi ridegis, tamen – aŭ ĝuste pro tio – mia patrino iom indigne plupaŝis. Dum la semajno, denove sola, mi mem kuraĝis okulumigi tiun skeleton. Venont-tage la ŝtonetoj ne plu estis ene. Ĉar la ŝton-skulptaĵo certe ne mem elskuis ilin, verŝajne kulpis iuj malŝercemuloj.

Sed mi ankaŭ devas raporti pri ege timiga, terura evento. En angulo estis kelkaj neflegataj tomboj. Ne plu ekzistis parencoj aŭ ili foren translokiĝis. Mia instruistino deklaris merito la libervolan zorgadon pri tiuj neglektataj ripozejoj. Fervore mi eklaboris, eltiris la herbaĉojn, rektigis la

muretojn, purigis la tombo-ŝtonojn, plantis florojn, kiujn mi poste diligente akvumis.

Iun tagon dum mi pensis pri aliaj aferoj mi verŝis akvon sur la plantetojn. Subite mi vidis moviĝon. Jen tulipo strange moviĝis! Malrapide kaj senhalte ekmalaperis la tuta planto kun tigo, folioj kaj floro malsupren en la teron! Nur osta mano povus tiri floron en la tombon – estis mia tuja imago. Mi paliĝis, faligis mian akvo-sitelon, postlasis la laborilojn kaj kuregis for. Meze inter la tombejo kaj nia domo mi haltis sen-spire. La koro frapegis, sed kuraĝo kaj esploremo revenis. Ankoraŭ timema, paŝon post paŝo mi reiris al la tombo kaj tie mi ekvidis – talpo-teraĵon! Feliĉe, estis nur besteto manĝ-avida je floroj kiu timigis min. Ĉu fakte estis talpo aŭ iaspeca muso, tion decidu la biologoj.

Sed min konvinkis tiu aventuro, ke ne estas danĝeraj la mortintoj. Prefere mi atenteme observu la vivantojn; ankaŭ inter ili estas talpoj kaj musoj subfosantaj la vivo-vojojn de aliaj homoj...

Nu, ĉu ne ankaŭ trankvila tombejo povas esti vivo-plena?

**Franz-Georg Rössler,**

**F.R. Germanio**

*Denove la finaĵo -N indikas moviĝon al!*

ĉielen = al la ĉielo
malsupren = al la malsupra direkto
vilaĝ-randen = al la rando de la vilaĝo
foren = al fora loko



en la tombejon = al en la tombejo
en la tombon = al en la tombo
sur la plantetojn = al sur la plantetoj

flegi: prizorgi
akvumi: verŝi akvon sur
plendeti: grumbli, malkontenti
rando: ekstera parto
treni: porti pene, malfacile
trameditі: pripensi
kranio: kap-osto
grimaci: fari malbelan vizaĝ-vidon
indigne: tre malkontente
skeleto: homa ostaro
elskui: forigi per rapidaj movoj
neglektita: ne prizorgata
fervore: kun granda entuziasmo
tigo: la trunketo de floro
sitelo: ujo por porti akvon
talpo: besto, kiu vivas subtere
manĝ-avida: tre manĝema


KONKERU LA ESPERANTAN MONDON!
Ludu per ĵetkubo kaj markiloj, kiel en JA 87/1. Se vi alvenas ĉe institucio (nigre skribita), vi rajtas antaŭeniri ĝis ĝia loko (kolore skribita). Se vi ne scias la lokon, aŭ eraras, reiru de kie vi venis.
Komenco
Internacia Esperantista Muzeo Wien (IEMW)
Internacia Seminario (IS)
Centra Oficejo (CO)
Hofburg, Vieno, Aŭstrio
Internacia Junulara Kongreso de TEJO (IJK)
Internacia Esperanto-Kursejo (IEK)
Roterdamo, Nederlando
Junulara Esperantista Renkontiĝo (JER)
Reiru al la IEK por studi matene kaj ripozi posttagmeze
Kameoka, Japanio
Koresponda Servo Mondskala (KSM)
Movada gazeto: "Heroldo"
Religia organizo: Oomoto (urbo)
Madrido, Hispanio
Kion signifas TEJO? Se vi ne scias, reiru al la IJK por ekscii.
La Chaux-de-Fonds, Svislando
Budapeŝto, Hungario
Pupteatra Internacia Festivalo (PIF)
Bydgoszcz, Pollando
Nice, Francio
ASE
Japanio
Apud Angers en Francio
Leipzig, GDR
Kie okazis la unua UK? Se vi ne scias, reiru al la CO por esplori.
Massa, Torino, Triesto... Italio
Pekino Varsovio
Kultura Esperanta Festivalo (KEF)
Sovet-unio
Someraj Universitataj Kursoj (SUK)
Zagreb, Jugoslavio
Geonkloj Esperantistaj
Reiru al KSM
Kio estas la nacieco de Hector Hodler kaj Edmund Privat? Se vi ne scias, reiru al KCE por eltrovi.
Kastora Klubo
Reiru al PIF
Lieĝo, Belgio
Teatraj Festivaloj (du urboj)
Varsovio, Pollando
Leek, Britio
Kiom da membroj havas UEA (ĝis la plej proksima milo)? Se vi ne scias, reiru al al CO por ekscii.
Universalaj Kongresoj (UK)
Uppsala, Lund, Svedio
Literatura gazeto: "Fonto" (eldonejo)
Budapeŝto, Parizo
Kie okazis la plej granda IJK? Se vi ne scias, reiru al kelkaj el ili.......
Kio estas la Pasporta Servo? Se vi ne scias, reiru al IS por informoj.
Chapecó, Brazilo
Reiru al SUK
Brazilio, Vankuvero, Pekino, Varsovio
Reiru al IJF
Fino
Oocu, Tesaloniko, Krakovo
Internacia Foira Esperantista Renkontiĝo (IFER)
Internacia Junulara Festivalo (IJF)
Kie okazis la UK en 1982? Se vi ne scias, reiru al IEMW por kontroli.
Radio-stacioj ĉiutage en Esperanto (du urboj)
FR Germanio
Kultura Centro Esperantista (KCE)
Orosháza, Tatabánya, Gödöllö... Hungario
Kunloĝadoj, Friska Lernejo
Kastelo Grésillon
Pisanica, Bulgario
Scienca revuo "Fokuso"
Turisma oficejo: Esperantotur

# DUA PARTO DE LA ROL-LUDO: LA FERIADO



**ROLO B: FERIONTO, amiko de A**

*Vi decidis ĝui ferian vojaĝon kun via amiko.* Vi ne decidis kien iri ĝis nun, vi planis renkonti lin/ŝin ekster vojaĝ-oficejo, eniri kaj informiĝi pri vojaĝoj, kaj post tio decidi. Vi estas direktoro de kompanio kaj via vivo estas tre okupata. Vi laboris tro lastatempe, kaj vi volas tre kvietan malaktivan feriadon por retrankviliĝi. Ripozo kaj suno estas dezirindaj — ne aventuro. Vi volas plene prizorgitan kaj komfortan semajnon. Pli da tempo vi ne povas resti for de la laboro. Vi povas pagi 700 guldenojn por la feriado. Vi ne estas sportisto, maksimume vi ŝatas promeneti en la arbaro aŭ en la naturo. Vi abomenas la amas-turismon — urba rigardado per plenaj varmaj busoj, kaj gaja nokta vivo tute ne interesas vin.

NOTOJ POR LA GVIDANTO:

**Sur paĝoj 5, 14 kaj 23 ni prezentas tri instrukciojn por rol-ludo, kiun vi povas gvidi. Se via grupo havas nur tri lernantojn, bone! Se pli, dividu ilin en tri grupojn. Ĉiu grupo studu unu rolon, legu la koncernajn instrukciojn, ekkomprenu nekonatajn vortojn, diskutu la ricevitan rolon kaj listigu utilajn frazojn por la dialogo. Ili prefere ne rigardu la instrukciojn por la aliaj du grupoj.**

**Post la preparado, la gvidanto elektu po unu personon el ĉiu grupo, kiuj aktoru la scenon. Ne bremsu devojiĝojn, ili eble estos interesaj. Fine laŭdu bonajn esprimojn uzitajn kaj inventeman roladon, bonigu erarajn formojn se tiuj estas bazaj; se unu el la roluloj ne sufiĉe defendis sian rolon, kontrolu ĉu la grupo sufiĉe bone komprenis la taskon kaj instigu la aliajn grupanojn pli forte prezenti la donitan starpunkton.**

**Post tio, voku tri aliajn rolulojn por prezenti la saman scenon. Se eble, ĉiu ricevu vicon.**

**Ĉi-kaze, estos bone, se la agento havos kelkajn turismajn prospektojn pri Budapeŝto (en Esperanto, kompreneble!). Ne necesas roli pri Budapeŝto, plej bone elektu turisman lokon, kiujn la lernantoj bone konas. Se la diskuto flagras, stimulu ĝin per trafa sugesto, ekz.: "Agento, vi perdos vian klienton! Ĉu ne pli bone perdi parton de via makleraĵo, ol vian oficon?"**

**Suplementajn rol-ludojn vi povas krei: la sportema vojaĝanto provas prunti 100 gld. de suspektema amiko; La estro demandas la agenton ĉu li/ŝi sukcesis vendi la budapeŝtan vojaĝon, ktp.**

*Jen la dua parto de nia teatraĵo pri la tri junuloj, Ton Dado, Tran Ĉigo kaj Stu Cadas. Ili tondas la branĉojn de frukto-arboj por gajni monon por la granda futbal-matĉo en sabato.*

# ILI ESTU EGALAJ!

Stefan MacGill

*Finverkita en somera Siberio, julio 1986, laŭ praversio verkita en la vintro de 1972 (ankaŭ en julio!) en Nov-Zelando, post unu-monata branĉo-tonda laboro ĉe frukto-farmo.*

## SCENO KVIN

Anoncisto: **Estas merkredo. La tri junuloj ankoraŭ laboras diligente. Ili atingas mult-koloran arbon.**

Ton: **Venu! Jen la ducent tridek sepa arbo.**
Stu: **Ni rigardu ĝin. La ruĝa branĉo estas longa.**
Ton: **Jes, sed la bruna branĉo estas la plej longa.**
Stu: **Mi segos ĝin per mia segilo! *(li segas)* Skri-skra! Jen.**
Ton: **Bone, nun ni rigardu denove.**
Stu: **Nun la flava branĉo estas la plej longa.**
Tran: **Mi tranĉos ĝin per mia tranĉilo. Tranĉ-branĉ! Jen.**
Stu: **Sed nun la ruĝa branĉo estas la plej longa!**
Ton: **Mi tondos ĝin per mia tondilo. Nis-mis! Jen!**
Tran: **Jes, la arbo nun estas preskaŭ bona, sed nun la blua branĉo estas tro longa.**
Stu: **Ho, jes! Ĝi estas dika, do mi segos ĝin per mia segilo. Skri-skra!**
Ton: **Stultulo, vi segis tro. Nun la verda branĉo estas tro longa. Mi tondos ĝin. Nis-mis.**
Tran: **Nun la flava tro longas. Mi tranĉos ĝin.**
Stu: **Nun la bruna tro longas. Mi segos ĝin.**
Ton: **Nun la ruĝa. Tondilo! Nis-mis! Kaj denove! Nis-bis! Jen!**
Tran: **Nun la blua. Tranĉilo! Tranĉ-branĉ! Jen!**
Stu: **Kaj la verda. Segilo! Skri-skra! Jen!**
***(Nun la arbo estas tute nuda. Restas neniu branĉo)***



Ton: **Jen, ni sukcesis! Ĉiuj branĉoj estas egalaj! Ĝuste laŭ la ora regulo! La farmisto estos kontenta!**
Stu: **Bone, ni iru al la ducent tridek oka arbo! *(Ili eliras.)***

## SCENO SES

*(Sur la podio staras du arboj. Unu estas komplete nuda. Sur ĝi ni legas "422". Apud ĝi staras arbo kun branĉoj kaj afiŝo "423a viktimo". La tri junuloj paŝas de arbo 422 al arbo 423)*

Anoncisto: **Estas ĵaŭdo, kaj tricent metrojn pli dekstre ol merkrede.**

Ton: **Venu, jen la kvarcent dudek tria arbo!**
Stu: **Ho, mi estas laca.**
Ton: **Ne estu laca. Post du tagoj ni rigardos la futbalon!**
Stu: **Jes, ni vidos grandajn piedbatojn.**
Tran: **Kaj la pilko flugos tra la aero!**
Ton: **Do, al la laboro!** *(Li legas la afiŝon)* **Kio estas "viktimo"?**
Stu: **"Vik-timo"? Mi ne scias. Mi scias, kio estas "timo"!**
Tran: **Bone, ankaŭ mi, sed kio estas "viko"?**
Stu: **Mi ne scias. Sed ni verŝajne trovus unu en "vik-ingo"!**
Tran: **Ni ne havas tempon paroli pri vikingoj. Ni devas tranĉi la branĉojn. Tiu branĉeto estas la plej longa!**
Ton: **Bone, mi tondos ĝin. Nis-mis! Jen.**
Stu: **Nun tiu branĉo estas la plej longa!**
Tran: **Bone, mi tranĉos ĝin. Hak-krak! Jen.**
Ton: **Nun tiu branĉo estas la plej longa!**
Stu: **Bone, mi segos ĝin. Skri-skra. Kaj tuŝ-puŝ! Jen!**
Ton: **Tro longa tiu branĉo. Tranĉu!**
Tran: **Mi tranĉas! Tro longa tiu branĉeto. Tondu!**
Ton: **Mi tondas! Tro longa tiu branĉego. Segu!**
Stu: **Mi segas! Branĉeto!**
Ton: **Mi tondas! Branĉo!**
Tran: **Mi tranĉas! Branĉego!**
Stu: **Mi segas!**
Ton: **Tondas!**
Tran: **Tranĉas!**
Stu: **Segas!**
Ton: **Jes, ĝi estas preta!** *(Ĉiuj branĉoj estas for.)*
Stu: **Kaj vidu, ĉiuj branĉoj estas egalaj!**
Ton: **Precize laŭ la ora regulo.**
Tran: **Ho, la farmisto estos kontenta pri nia laboro.**



desegnis Pavel Rak

## SCENO SEP

*(Sur la podio staras du arboj. Unu estas nuda kun afiŝo "viktimo 499" la alia estas branĉo-hava, kun afiŝo "viktimego 500". La junuloj paŝas al ĝi.)*

Anoncisto: Estas vendredo. Ducent metrojn pli dekstre ol ĵaŭde.

Stu: Ha, futbalo morgaŭ! Piedbatoj kaj flugado tra la aero!
Tran: Kaj vidu, ni atingis la lastan arbon! Numero kvincent!
Stu: Mi ne komprenas, kial ĉe ĝi estas timego!
Ton: Nek mi! Ni laboru rapide! *(Ili atakas ĝin komune, la spektantoj vidas nur la dorsojn de la junuloj, dum ili laboras ili ĵetas branĉojn super siaj ŝultroj.)*
Stu: Seg! Skri-skra! Seg-seg! Tuŝ-Puŝ! Seg!
Tran: Tranĉ-lanĉ! Branĉ! Hak-hak! Tranĉo-branĉo!
Ton: Tondo-ondo! Tond-tond! Nis-mis! Nis-ĝis!

*(Ili rapide finas kaj stariĝas for de la arbo, kiu nun estas tute nuda. Ili admiras la rezulton.)*
Ton: Jen, kvincent arboj, kaj ĉiuj branĉoj estas egalaj!
Stu: *(Li apogas sin kontraŭ la lasta arbo fiere. Ĝi falas!)* Ups! Puŝ-fuŝ!
Ton: Nu, jen kvarcent naŭdek naŭ arboj, kaj ĉiuj branĉoj estas egalaj!
Tran: Jen, venas la farmisto. Saluton! Vi ne venis por kontroli nian laboron. Sed ni finis la taskon. Vidu, ni laboris bone kaj rapide! Kaj ni memoris la oran regulon. Vidu, ĉiuj branĉoj estas egale longaj...
Stu: *(Levas la falintan arbon kaj rigardas ĝin)* ...Aŭ egale mallongaj!
Farmisto: KIIIIO?! Kio okazis al miaj arboj? Kie estas miaj belaj frukto-arboj? Vi forigis ĉiujn branĉojn – restas nenio! Vi detruis miajn arbojn! Foriru! Foriru kaj ne revenu! *(Li forpelas ilin, sed ili forportas la ilojn)* Ho, miaj kompatindaj arboj! *(Li ekploras.)* Ho, mia kompatinda monujo! *(Li ploras pli laŭte)* Ve, ve, tiuj aĉaj junuloj eĉ forportis miajn ilojn! Revenu! Revenu! Ne foriru! *(Li elkuras post la junuloj).*

## SCENO OK

Anoncisto: Estas sabato. Neniom da metroj dekstre de vendredo. La junuloj revenas, ĉar ili deziras ricevi monon. Ton tenas la ilojn.

*(La junuloj envenas. Ili timegas, kaj provas kaŝiĝi unu malantaŭ la alia. Stu portas la intertempe ŝiritan afiŝon, kiu nun tekstas "timego".)*

Ton: **Vi iru unue. Vi parolu al li.**

Tran: **Ne, mi ne volas paroli al la farmisto. Vi unue!**

Stu: **Ne, mi timegas! Mi volas paroli al li eĉ malpli ol vi! Vi redonu la ilojn al li.**

Ton: **Mi ne volas redoni la ilojn. Vi tenu ilin!** *(Li turniĝas al Tran kaj donas ilin al li)*

Tran: **Mi ne volas ilin! Vi tenu ilin!** *(Li turniĝas al Stu kaj donas ilin al li)*

Stu: **Mi volas ilin eĉ malpli ol vi. Vi tenu ilin!** *(Li turniĝas kaj provas fordoni la ilojn sen rigardi; la farmisto subite envenas malantaŭ Stu kaj prenas ilin.)*

Farmisto: **Dankon! Almenaŭ vi redonas miajn ilojn!**

*(La tri junuloj tuj timas kaj kuras al la alia flanko de la podio, kie ili formas denove vicon – post bataleto Stu estas puŝita al la unua loko.)*

Ton: **Tran, vi petu lin! Vi estas pli proksima!**

Tran: **Ne, mi ne volas peti lin. Stu, vi petu lin! Vi estas plej proksima! Mi ne volas peti lin!**

Ton: **Kaj mi ne volas peti lin!**

Stu: **Sed mi volas peti lin, eĉ malpli ol vi!**

Ton: **Sed ni volas vidi la futbalon!**

Tran: **Jes, ni tre volas vidi la futbalon!**

Stu: **Jes, kaj mi volas vidi ĝin, eĉ pli ol vi!**

Ton: **Bone, do vi petu lin! Iru!**




Stu: **Ne! Mi ne... Ne puŝu! ...Ve! Sinjoro Afabla Farmisto, ĉu vi bonvolos pagi al ni niajn bonajn salajrojn? Ni petas!**

Farmisto: **VIAJN SALAJROJN!?** *(La junuloj timas, forkuras, sed revenas al la sama vico.)*

Stu: **Do, eble niajn** *mal*-**bonajn salajrojn?...**

Ton: **Jes, ni bezonas monon por rigardi la futbalon.**

Stu: **Jes, piedbatojn kaj flugadon tra la aero.**

Farmisto: Salajroj? Post via malbona laboro? Vi detruis miajn arbojn!

Ton: Sed ni memoris la oran regulon...

Farmisto: Nu, jes. *(Li meditas)* Bone, vi ricevos la salajrojn, kiujn vi meritas. Ĉu vi ĉiuj laboris egale forte?

Ton: Jes, mi laboris egale, kiel li.

Tran: Kaj mi laboris egale, kiel li.

Stu: Kaj mi laboris, eĉ pli egale, kiel ili!

Farmisto: Bone, se vi laboris egale, vi ricevos egalajn salajrojn. Via suma salajro estas 23 steloj. Jen la dudek tri steloj, en tri stakoj. *(Li elprenas monbiletojn)*

Tran: Sed, ili ne estas egalaj!

Stu: Tiu salajro estas pli granda ol la aliaj!

Farmisto: *(Mok-surprizite)* Ho, jes! Kiel eblas? Vi pravas, do mi reprenos tri stelojn.

Stu: Nun, tiuj du salajroj estas egalaj, sed la tria estas pli granda.

Farmisto: Ho, terure! Do, mi reprenos kvar stelojn.

Stu: Nun tiu estas tro granda.

Farmisto: Ho, bedaŭrinde! Do, mi forprenos stelojn denove.

Tran: Nun tiu estas tro granda.

Farmisto: Do, mi forprenos stelojn denove. Ĉu bone?

Stu: Sed nun mia salajro estas nula!!

Tran: ...kaj ili ne estas egalaj!

Farmisto: Do, mi egaligos ilin... kun la nula salajro.

Ton: Nun ili ĉiuj estas nulaj!

Farmisto: Nu, jes. Sed ili ja ĉiuj estas *egalaj!* Same egalaj kiel la branĉoj sur miaj arboj! Kaj vi ricevis la salajrojn, kiujn vi meritas!

Ton: Ho, ne. Nun ni ne vidos la futbalon!

Tran: Ni ne vidos la piedbatojn kaj la flugojn...

Farmisto: Ho, jes, vi vidos tiujn! Vi ne nur vidos ilin, vi sentos ilin! Tri grandajn piedbatojn! Unu por vi! *BAM!* Unu por vi! *BAM!* Kaj unu por vi! *BAM!* Nun *vi* flugas tra la aero! *(Li ĵetas Ton for de la podio.)* Kaj ankaŭ *vi* flugas tra la aero! *(Tran flugas)* Kaj laste, *vi* flugas tra la aero – eĉ pli ol ili! *(Stu flugas, la farmisto eliras.)*

Piednoto por legintoj de la enkonduko al la teatraĵo "Frapo ĉe la pordo" en la libro "Pordoj": La promeso pri verko de plia teatraĵo pri stultaj mezaĝaj klaĉemaj viroj estas proksimume plenumita. La roluloj supre nek estas precize mezaĝaj, nek precize klaĉemaj, sed ili almenaŭ estas stultaj, kaj viroj. Tio sufiĉu por nun!

SOLVOJ AL LA MATEMATIKAJ PROBLEMOJ
EL LA ANTAŬA NUMERO

a) Vi povas plenigi unu vertikalan vicon per la ciferoj 3, 5 kaj 9 ses-maniere:

| | | | | | |
|---|---|---|---|---|---|
| 3 | 3 | 5 | 5 | 9 | 9 |
| 9 | 5 | 3 | 9 | 3 | 5 |
| 5 | 9 | 9 | 3 | 5 | 3 |

Du vicojn vi do povas skribi 6 x 6 = 36-maniere,

Kaj tri vicojn vi povas skribi 6 x 6 x 6 = 216-maniere.

La sekvaj desegnaĵoj estas bonaj solvoj:

| | | |
|---|---|---|
| 359 | 395 | 333 |
| 593 | 539 | 555 |
| 935 | 953 | 999 |

**Se vi enskribos la ciferojn sisteme, vi trovos la 216 solvojn!**

**b) En la jaro 1887 oni aperigis la unuan Esperanto-lernolibron. 1987 pro tio estas la cent-jara jubileo de la Esperanto-movado.**

2. **Eblas diversaj!**



3. **Se vi preparas tabelon kaj laŭ la du frazoj enskribas kiu** NE **kolektas kion, vi solvos la taskon.**

| | poŝtmarkoj | bildkartoj | insignoj |
|---|---|---|---|
| Johano | | NE | |
| Karlo | | | |
| Stefano | | NE | NE |

**Eblas konkludi, ke nur Karlo povas kolekti bildkartojn, kaj Stefano kolektas nur poŝtmarkojn, kaj el tio sekvas, ke Johano kolektas insignojn.**




Sendu ĉian korespondaĵon rekte al Josef Chvosta, Leninova 16, CS-29001 Podebrady, Ĉeĥoslovakio

# Tempo, kalendaro, vetero

Helpu Karolon solvi problemojn, kiujn skribis la instruisto en la lernejo por pripensi dum liberaj tagoj!

1.) Vojaĝanta homo longe flugis per aviadilo. Sed lia preciza kaj fidinda horloĝo neniam identis kun la loka tempo, kiam li ie alvenis. Kial?

2.) En du kazoj eĉ ne estis la ĝusta tago. Li ekflugis ĵaŭde, sed la sekva tago estis ankaŭ ĵaŭdo. Alifoje, li ekflugis same ĵaŭde, sed la sekva tago estis sabato. Klarigu, kie kaj kial tio povis okazi.

3.) Kamarado skribis en sia letero: liberajn tagojn mi pasigas de novembro ĝis februaro sur la bordo de akvoj, precipe se estas varma bela vetero. De post majo ĝis aŭgusto mi glit-veturas aŭ skias sur neĝo aŭ glit-kuras sur glacio. Kie tio estas ebla?

4.) Kial la Granda Oktobra revolucio estas festata la 7-an de novembro?

5.) La 23-a de septembro 1792: la 12-a de septembro 1792: la 2-a reudemiairo en la 3-a jaro de la respubliko: a.d. IX Kalendas Octobres MMDXLV: 2375841 : 1792.09.23. Ĉu temas pri la sama dato? Kion vi scias pri la unuopaj datoj? Kial la lasta formo estas plej taŭga por numeriloj.

6.) Kiam estas tagmezo? Ĉu fakta tagmezo estas ankaŭ tagmezo sur horloĝo? Kiam estas nokto-mezo? Ĉi tio rilatas al demandoj 1 kaj 2.

Skribu pri ĉiu demando, ĉion, kion vi scias. La plej interesaj respondoj povos aperi en la gazeto. Se vi respondos, vi ricevos belan bildkarton.

## deziras korespondi...

18-jara lernantino, kun junulinoj en soc-landoj, kolektas porteretojn de film-aktoroj: Edita Svenis, str. Pilenu 20-525, SU-235300 Panevešiš, Litovio, Sovet-Unio. ● Grupo, 13–17-jaraj: Esperanto-grupo, Zeiniuy 20, SU-235000 Jonara, Litovio, Sovet-Unio. ● 8-jara knabo, tutmonde, poŝtmarkoj, bildkartoj: Rafak Chimiak, ul. Rymarska 2/2. PL-64-920 Pila, Pollando. ● Klaso, 11–12-jaraj, korespondos kaj interŝanĝos poŝtkartojn, insignojn por ekspozicio: Esperanto-grupo, Olga Cankova, Lernejo "Vela Piskova", BG-5000 Veliko Trnovo, Bulgario. ● Tutmonde: Ĉukotka Esperantista Ligo, Ivan Pris, Egvekinot a/k 22, SU-686810 Magadan, Sovet-Unio. ● Klubo "Amikeco", Str. Gajdara 49, Filio GPI, SU-606026 Dzerĵinsko, Gorkij regiono, Sovet-Unio. ● 13-jara knabo, 11-jara knabino, korespondos kaj interŝanĝos malnovajn monerojn, etajn ferajn veturilojn kaj buŝtukojn: Ivanka kaj Dimitar Triĉkov, Ograĵden 5a, BG-4003 Plovdiv, Bulgario. ● 13-jarulo, kolektado kaj scienco: Enrico Beyer, Wilhelm Pieck-Allee 88, DDR-2300 Stralsund, DDR. ● 13-jara, vojaĝoj, insignoj: Jakovlev Oleg, str. Novogodnjaja 55, SU-456305 u. Miass-5; 14-jara, floroj, sporto,: Sinjajev Alekseo, str. Sputnika 9, SU-456305 u. Miass-5; 15-jara, sporto, libroj, Kiseljar Slava, str. Jubilejnaja 5-11, SU-456305 u. Miass-5; 15-jara, vojaĝoj, bildkartoj, Kuznecov Aleksandr, str. Majakovskogo 78-9, SU-456305 u. Miass-5 (ĉiuj en la Ĉelabinska regiono de Sovet-Unio). ● Klubo "Verda ŝtono" aranĝas ekspozicion de infan-bildoj. Ĉiu sendanto ricevos interŝanĝe bildon: Esperanto-klub, p.j. 110, Kamenets-Podolskij, SU-281900 Sovet-Unio. ● SE VI PETAS KORESPONDANTON, BONVOLU SKRIBI VIAJN NOMON KAJ ADRESON KLARE PER PRES-LITEROJ!

RENKONTIĜO: 4a Turingia Junulara E-Renkontiĝo, 9-11 oktobro, 1987 en Eisenach. Ekskursoj, magio, lumbildoj el Krakovo. Eksterlandanoj pagu surloke. Aliĝu ĝis la 9a de septembro (donu nomon, naskiĝdaton kaj sekson): Kulturligo de GDR, Kornmarkt 08, DDR-5820 Bad Langensalza, DDR.

GEONKLOJ ESPERANTISTAJ: Junuloj de 8- ĝis 16-jaraj ricevos plenaĝulajn "geonklojn" el aliaj landoj, kun kiuj ili povas korespondi. Junuloj petu "geonklon" per letero en Esperanto al: Geonkloj Esperantistaj, s-ro W.H. Simcock, Clayton House, Butterton, Leek, Staffs. ST13 7SR, Britio. Anonciĝo de helpemaj "geonkloj" bonvena

INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO (IPR), la oficiala organo de la instruistoj: ĉiu membro de ILEI ricevas la revuon aŭtomate. Ĉiu aktiva instruisto de Esperanto devus membriĝi en ILEI!

Kie troviĝas niaj legantoj en 1987? Jen la unuaj 12 landoj (la ciferoj estas rondigitaj). Surpriziĝu!

## NIAJ LEGANTOJ...

| | | | |
|---|---|---|---|
| Sovet-unio | 1220 | Vjetnamio | 50 |
| Hungario | 310 | FR Germanio | 30 |
| Bulgario | 240 | Mongolio | 22 |
| Ĉeĥoslovakio | 180 | Britio | 18 |
| Germana DR | 130 | Italio | 15 |
| Kubo | 100 | Nederlando | 15 |

Ni presas 3000 gazetojn, el kiuj ĉ. 2200 estas abonataj (ĉ. nur 100 ekster la socialismaj landoj) kaj 200 donacitaj de HEA al novaj Esperanto-movadoj. La ceteraj estas vendataj unuope, ĉefe en hungaraj gazet-budoj. Do *Juna amiko* ne estas tre internacia! Ni volas multe pli tutmondan legantaron en 1988! Ni aparte volas ricevi pli da abonantoj en okcidenta Eŭropo, Pollando (kie ni volas ekperigi ĝin tra la poŝto oficiale), Jugoslavio, Ĉinio, Japanio, Brazilo kaj aliloke en Ameriko. Kiam ni havos sufiĉajn abonantojn tie, ni povos pli multe sendi ĝin donace al novaj movadoj. Do, bonvolu, ne forgesi aboni kaj varbi por 1988!

# TRIA PARTO DE LA ROL-LUDO: LA FERIADO

## ROLO C: Vojaĝ-agento

Vi estas vojaĝ-agento. Vi laboras en vojaĝ-oficejo en Amsterdamo kaj vi vendas feri-vojaĝojn al turistoj. Sed via oficejo ne bone prosperas, via estro malkontentas pri vi. Li donis al v taskon varbi turistojn por ekskurso al Budapeŝto: vidu l detalojn sube. Ĝis nun vi tute ne sukcesis varbi iun. Estas post-tagmeze de vendredo — fine de la semajno. Via estro venos sabat-matene kaj li jam diris, ke se vi ne varbis minimume du turistojn por la Budapeŝta aranĝo, li maldungos vin. Vi tre ŝuas vian laboron, kaj ne facile akiros alian same bonan laboron. Vi multon pretus doni, por ne perdi la laboron. Sed neniuj turistoj venas, ho ve, senespere....Momenton! Du personoj paŝas en la butikon! Eble ili aĉetos feriadon en Budapeŝto! Provu konvinki ilin!

GRUP-VOJAĜO AL BUDAPEŜTO




DAŬRO: 8 tagoj (inkluzive de la vojaĝado)

VOJAĜO: Aŭtobuse (24-hora) aŭ aviadile (2 hora, sed 80 gld. pli)

HOTELO: Budapest Hilton. 5-stela kun naĝejo, saŭno kaj kasino.

SITUO: Sur monto en la kastela distrikto. Kun panoramo de la Danubo kaj la urbo. Apud la fama Preĝejo de Matiaso kaj la Palaco.

MANĜOJ: La prezo inkluzivas du manĝojn tage. (Nur matenmanĝoj, 50 gld. malpli)

EKSKURSOJ: - duon-taga enurba ekskurso (muzeoj, preĝejoj, ks.)
- tut-taga al Esztergom kaj Szentendre (per buso kaj ŝipeto)
- vizito al nokto-klubo kun festa manĝo, spektaklo kaj dancado.

Tiuj ekskursoj estas inkluzivitaj en la prezo, en la aliaj tagoj la feriantoj rajtas mem ekskursi, ripozi, butikumi ks, laŭplaĉe.

KOSTO: 600 gld. por ĉiu persono

MAKLERAĴO POR LA VOJAĜ-AGENTO: 150 guldenoj.


EKSPOZICIO:
AŬTOJ DE LA
ESTONTECO
Kie li estas?
1950
1995
1998
2000


Kion li faras?
1995


Kio okazas?
1995


Kion li faris?
$19,95